# GAŬĈA STELO 

Informilo de Gaŭĉa Esperanto - Asocio n-ro 4 - Junio / 97


## Ni havas novan sidejon

Tio kio ŝajnis revo aŭ simpla kimero neatingebla, finfine transformiĝis en realaĵo : Gaŭĉa Esperanto Asocio(AGE), institucio kio reprezentas la gaŭĉan esperantistaron, ekde komenco de junio instaliĝis en sia nova sidejo, situata ĉe la strato Andradas, en la plej centrala parto de la urbo.



Funkciinte antaŭ preskaŭ 15 jaroj en malsamaj lokoj, nia Asocio de nun fariĝas plibone preparata por la realigo de sia misio, kiu estas kunligi, federacie, la esperantajn organizaĵojn de Rio Grande do Sul, donante al ili orientiĝon kaj helpon, krom favorigi la efektivigon de renkontiĝoj, seminarioj, Lingvaj prelegoj, ekspozicioj, kursoj kaj ceteraj aktivecoj pri edukaj, kulkturaj kaj asociaj trajtoj.

Laste, ni devas reliefigi la malavaran akcepton de GEA ĉe DESEAK, dum la lastaj tempoi kaj, precipe, la fratecan apogon recevitan de S-ano Dorval Pereira da Silva, tiama prezidanto de Allan Kardek.

# Inoj ĉe Esperantujo

Ĉe Esperanto-movado ĉiam pli kaj pli da virinoj okupas hodiaŭe postenojn kiuj tradicie apartenis al la viroj. Ĉu estas koincido ke en Brazilo kaj Argentino tiu aserto ankaŭ fariĝas vero ? Jen nur kelkaj ekzemploj kie la ina kompetenteco anstataŭigas la viran :

Gaŭĉa Esperanto-Asocio - Lucila D. Fernandes
Paranáo Esperanto-Asocio - Maria Luzineide
Brazila Esperanto-Ligo - Symilde S. Ledon
Bonaera Esperanto-Asocio kaj
Argentina Esperanto-Ligo - Silvia Rottenberg

# Lingva Ŝerloko



Karaj Watson-oj:
Legu atente la jenajn frazojn kaj klopodu korekti ilin. Ĉe la lasta paĝo de ĉi tiu Informilo vidu ĉu viaj korektoj estas korektaj :

1. La urbo de Romo estas tre antikva.
2. Antono promenas dimanĉe kun liaj amikoj.
3. Johano kaj siaj amikoj ĝoje dancas.
4. Mi konas la lingvon Esperanton.
5. Je la dua mi perdis la trajnon.
6. Naĝi en profundaj lokoj estas danĝera.
7. Estas necesa, ke ni parolu.
8. La esperantistoj komprenas unu la alian.

## 9ª Sudbrazila Renkontiĝo de Esperanto

Kategorioj / Kotizoj

1. Ano efektiva de ŝtata asocio....... 30,oo
2. Same (ĝis 21 jaraĝa) .................. 15,oo
3. Ne ano aŭ ne kvita por 1997 ...... 40,oo
4. Familiano de ano Kat.1 aŭ 2 ...... 15.oo
5. Familiano de ano Kat. 3 ............. 20,oo
6. Infano ĝis 12ª jaraĝo kaj eksterlandano....................... senpage

Kune kun la ALIĜILO sendu la kotizan valoron per persona ĉeko al S-rino **Lucila Dávalos Fernandes** - Caixa Postal 815 - CEP 90001-970 - Porto Alegre - Rs

### Atentu bone

Dum junio la kotizaj valoroj por ĉiuj Kategorioj estas nur **R$ 10,oo**, escepte la 3ª Kat., kiu estas R$ 20,oo.

# Brazila Kongreso de Esperanto

Okazos en la venonta Julio, de la 12ª ĝis la 17ª. La akcepto de la kongresanoj estos en la Federacia Universitato de Paranao,de la 8ª ĝis la 18ª horoj, sabate, je la 12ª de la monato.
La aliĝoj al 33ª BKE (ĝis finmonate) estas RS 45,oo al BEL-anoj kaj R$ 90,oo al ne anoj aŭ ne kvitaj por 1977. Familianoj :

R$ 22,5º kaj 45,oo , respektive.

# Sen egala esperantisto



Li venis el okcidenta Afriko, el la lando Senegalo rekte al Porto Alegre, Rs. Maometano, 1,84 m alta, 31 jaroj. Larĝa rideto, li disdonas simpation ĉie.
Je 1992, kiam alvenis ĉi tien, li ne paroladis unu solan vorton, sed li regis la francan, la anglan kaj ankoraŭ la tribajn lingvojn: Olof, Diola kaj Peul. Oktobre 1992 li komencis lerni Esperanton en lia lando kaj atingis ĝis la dua leciono. Veninte el suba urbeto de Senegalo, proksima al Guiné-Bissau, li kamaradiĝis kun la novaj kolegoj de PUC-Rs. Dank' al interŝanĝo Brazilo-Senegalo li povis frekventi la kurson pri Juro kaj Sociaj Sciencoj. En Afriko, la instruisto de lingvo Esperanto indikis al li la Fak-delegiton en Porto Alegre kaj li povis daŭrigi la komencitan lernadon. Lia lingva uzado de Esperanto, malmultetempe, kuraĝigis lin komunikiĝi kaj partopreni diversajn renkontiĝojn de Esperanto.
Ĉi-jare, dum julio, ĉi tiu diligenta afrikano diplomiĝos je advokateco kaj li intencas vojaĝi al USONO kun la celo specialiĝi je Internacia Komerco. Espereble li ricevos inviton por Majstreco en San-Paŭlo pri tiu sama kariero. Ni povas antaŭvidi ke, tre baldaŭe, ni fieriĝos pri la agado de tiu batalema samideano. En Senegalo aŭ ĉe iu ajn lando kiu li estos, ni certas ke li fariĝos ĉiam embasadoro de Esperantujo. Ne forgesu lian nomon : **Alfa Oumar Diallo** .

# Gaŭĉineto Amatin'

Tito Madi

Esperantigis : I.Sanguinetti

Rio Grande do Sul
Mi foriras sen mia kor'
Mi foriras el Rio Grande
Sole kun mia dolor'

Mi kunportos memoron kun mi
Pri tiu am', kiu tuj naskiĝis
Pri tiu am' kiu floris rapide
Sed forkonsumiĝis.

Rio Grande do Sul
Mi revenos iutage
Por vidi mian Guaib
Por revidi amatinon
Kaj se ŝi volos min
Kun fervor'
Rio Grande do Sul
Mi foriros kun plor'.



Mi foriras,
Mi foriras karulin'.
Gaŭĉineto amatin'.

# Adresa Konfirmo

Karaj gelegantoj:
Ni atendas vian konfirmon pri ricevo de nia bulteno !

# Gaŭĉaj Popoldiroj

Malfermita kiel okulo de biena porko kiam ĝi aŭdas bruon.
Malglata kiel ovo de aligatoro.
Malpura kiel kokeja stango
Milda kiel akvokondukanta ĉevalo
Milda kiel kato sur kampara vendotablo
Multkolora kiel pantalono de turko.
Multmova kiel formikeja translokiĝo
Naĝema kiel grizmakula ĉevalo.

# Lingva Ŝerloko

(Solvo el la dua paĝo)

1. La urbo Romo estas tre antikva.
2. ... kun SIAJ amikoj.
3. Johano kaj LIAJ amikoj...
4. ... la lingvon Esperanto.
5. ... mi MALTRAFIS la trajnon.
6. LA NAĜO en profundaj lokoj...
7. Estas necese, ke ni parolu.
8. Se vi korektis ĉi tiun frazon, via korekto estas malkorekta. Evidente, miaj karaj Watson-oj !!

# Aliĝintoj al 9ª SUBRE

1 - Ivo Sanguinetti 2 - Isaura Sanguinetti 3 - Alberto Flores 4 - Geraldo Mattos 5 - Maria Luzineide S.Santos 6 - Lucas dos Santos Oliveira 7 - José Passini 8 - Carlos Dionel L.Machado 9 - Symilde S. Ledon 10 - Gilberto René Ledon ll - Manoel Torres Abreu 12 - Maria de Lourdes C. Abreu 13 - Lucila D. Fernandes l4 - Maria Inês Avila dos Santos 15 - Lívia M. Bianco 16 - Ady Marques da Silva l7 - Nedio Leon Rosa 18 -Joaquim Chaves 19 - rla F. da Silveira 20 - Julinha Zoraide Feijó Pereira 21 - Maria da Paz Aragão.


# Gaŭĉa Stelo 

Informilo de Gaŭĉa Esperanto-Asocio
**Andradas 1251, ĉ.103**
Poŝtkesto 815 - CEP 90001-970
Porto Alegre - RS - Brazilo
Trimonata senpaga bulteno
n-ro 4 - Junio/1997
CGC/MF 01.545.097/0001-80
Redaktoro-ĵurnalisto : Ivo Sanguinetti
Prezidantino : Lucila D. Fernandes


# GEA Elektado

Julio estas la monato rekomendita por la Ĝenerala Kunsido cele al elekto de novaj GEA-estraranoj kaj de la delegitaj anoj de la Federacia Konsilantaro de nia Asocio. Temas pri normala ago antaŭvidata ĉe las Statuto, kie la demokratia procedo realiĝas tutplene. Laŭstatute la Estraro konsistas el 5 (kvin) anoj kun mandato por 2 (du) jaroj, kaj la prezidanto nur povas elektiĝi dufoje sinsekve.

Nuntempe ni strebas prepari la efektivigon de grava evento (9ª SUBRE) okazonta dum la venonta Septembro, kiu postulos de ni grandan laboron kaj daŭran dediĉon. Tamen, ni ne havas parametron por analizi ĝis kiom intense la okazigo de eventuala disorientiĝo aŭ malkoncentriĝa agado povos konduki al perturbo de planita laboro. Konsiderinde ke la realigo de ĉi tiu 9ª SUBRE devigos al ni, ĝis Septembro daŭrigan klopodon, estus bone ekzameni la konvenon pligrandigi la estraran mandaton. La prezidanto kaj la Federacia Konsilantaro rajtas kunvoki Ordinaran (Julie) aŭ Eksterordinaran(Septembre) Asembleoj.Tiu lasta hipotezo eble rekomendindas.